# La Karavelo

**Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo**

*n-ro 004*
*januaro 2008*

*Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007*




## Ludoviko Vazo Kamonio

**(PT: Luís Vaz de Camões [lu'ish vash de ka'mõjsh])**

**( 1524 – 1580 )**

***LA PLEJ GENIA POETO DE LA PORTUGALA LINGVO***

# Enhavo de La Karavelo n-ro 004



# Kolofono





Konstantaj verkistoj...
Eduardo Novembro
Edward Jaŝhkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Geraldo Mattos
Gerrit Berveling
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Nikolaj Neĉaev
Paulo Sérgio Viana
Roger Gotardi
Tibor J. Szabadi
Valentin Melnikov

Verkis ĝis nun en La Karavelo 22 homoj el 11 landoj, tiel...
Belgio 1, Brazilo 5, Britio 1, Grekio 2, Hungario 4, Israelo 1, Italio 1, Nederlando 1, Polio 1, Portugalio 2, Rusio 3.

Proprietulo, Direktisto, Redaktisto, Kompostisto
João José Santos
Asistanto pri pentrarto kaj dramo
João Pereira dos Santos
Reviziisto
Roger Gotardi



PoŝTel.: +351 960 13 15 15
RetPoŝto: lakaravelo@gmail.com

http://groups.google.com/group/lakaravelo



eldonita en Portugalio

Pri la labormaniero kaj reguloj de La Karavelo rilate al verka partopreno, anoncoj, abonoj kaj al aliaj aferoj, elŝutu la koncernajn dosierojn el nia retpaĝo.

libera softvaro - software livre



*El la redaktejo...*

# Kio estas literaturo?

de João José Santos

joaojosesantos@gmail.com

## NOCIO PRI LITERATURO

Tre ofte oni uzas la terminon “literaturo” en tre vasta senco, laŭ kiu, estus literaturo iu ajn bone skribita teksto. Multaj vortoj, kiel la vorto “literaturo”, en esperanto kaj en la aliaj lingvoj, havas ĝeneralan sencon, pli popoluman (=popularan), kaj alian aŭ aliajn sencojn en specifaj sciencoj, en artoj aŭ en filozofioj.

Muziko uzas la sonojn por impresi la animon. Pentrarto uzas la kolorojn. Aliaj artoj uzas aliajn perilojn por komuniki emociojn. Literaturo uzas la vortojn por la sama celo. Tiel ankaŭ literaturo estas arto.

Lingvika teksto tre bone skribita apartenas al la scienco de la funkciado de la lingvoj, kiu estas la lingviko. Lingvika teksto povus esti arta, sed ĝenerale la stilo uzata en lingvika teksto estas priskriba, analiza, esplorema. La stilo uzata en artaj tekstoj estas, ĝenerale, metafora, ambigua, belvoka, malbelvoka, sentiva. Prie, oni profitu la okazon por diri ke ne faras sencon, ke daŭre oni uzu la vorton “lingvistiko” kun la senco de “lingviko”, kiam oni aludas al la scienco kiu studas la lingvojn, kaj ne al la scienco kiu studus la lingvistojn, kiu estus branĉo de la medicino, de la psikologio aŭ de la antropologio, se tiu scienco ekzistus.

## ĈU ĈIUJ TEKSTOJ STUDATAJ EN LITERATURAJ FAKOJ ESTAS LITERATURAJ?

Logike, la respondo devus esti... jes. Tamen, ĝi estas... ne.

Estas diversaj kaŭzoj por ke teksto estu studata ene de la literaturo de iu lingvo. Donante nur unu ekzemplon, la libro de la romiano Katono (243 a.K. - 149 a.K.) (lat: Marcus Porcius Cato ['markus 'porkjus 'kato]) *Pri la agrokulturo* (lat: De agri cultura [de 'agri kul'tura]) estas tre valora verko en la kampo de la agrokulturo, de la bien-estrado, de la ekonomio, de la medicino, de la gastronomio, de la antropologio kaj de la lingviko, tamen, ĝi fakte ne havas artan, do literaturan, valoron, kvankam ĝi estas skribita en bona latina lingvo de tiu tempo. Tiu verko estas studita de ĉiuj kiuj studis latinan literaturon. Okazas, ke la filologiaj studoj estas tre kompleksaj kaj ne uzas nur pure literaturajn tekstojn. Tia situacio okazas oftege en la studo de la latina kaj de la helena literaturoj.

Literaturistoj studas la literaturan arton, lingvistoj studas la lingvan sciencon. Filologoj studas la tutan komplekson kiu envolvas literaturon kaj lingvikon, ĉiam konscie atente al la historiaj cirkonstancoj, al la antropologiaj ecoj, al la mitaj kredoj kaj al ĉio kio ĉirkaŭas la homon kaj iel povas influi en la literaturo kaj en la lingviko. Pro tio, multfoje filologoj studas, en literaturaj fakoj, neliteraturajn tekstojn. Tre ofte oni ne komprenas tiujn laŭŝajnajn sensencaĵojn en humanismaj sciencoj, ĉar oni volas dependigi tiujn sciencojn de duvalora logiko, tre efika en matematiko kaj komputiko, i.a., sed ne ĉiam adekvata al la humanismaj studoj.

Alifoje, oni studas skribaĵon de iu aŭtoro, ne pro tio ke ĝi estas arte altvalora, sed pro la fakto ke tiu aŭtoro verkis aliajn vere aprezindajn literaturaĵojn, kaj do oni ankaŭ studas kelkajn malpli imponajn skribaĵojn de tiu aŭtoro. Tiuj skribaĵoj havas lingvikan kaj filologian valoron, sed ne literaturan. Ili tre ofte valoras char estas informriĉaj pri la disvolvo de la koncerna aŭtoro. Ĉefe en la komenco de la etnaj literaturoj, foje oni studas ĉiujn ekzistantajn tekstojn pro ilia nureco. Tiuj tekstoj estas ja tre interesaj por la lingviko, la antropologio kaj multfoje por la juro, sed ofte valoras tre malmulte laŭ artaj, do literaturaj, postuloj.

## KIEL NASKIĜAS LITERATURO


ΟΜΗΡΟΥ
ΙΛΙΑΣ, Η ΜΑΛΛΟΝ
ἅπαντα τὰ σωζόμενα.
HOMERI
ILIAS, SEV POTIVS
omnia eius quæ extant opera.
Studio & cura OB. GIPHANII I.C. quàm emendatissimè edita, cum eiusdem Scholijs & Indicibus nouis.
Cum Gratia & Priuilegio Cæsareo.
ARGENTORATI
Excudebat Theodosius Rihelius.

Kovrilo de eldono de La Iliado de la helena poeto Homero. Ĝi estas la unua verko aperinta en Eŭropo.

La rolo de literaturo en lingvo-konstruo, kaj de esperanto kaj de ĉiuj lingvoj, nepras tiel, ke la literaturaĵoj kutime ekaperas en la unuaj skriboj de la lingvoj.

Aristotelo asertis ke la imitado estas homa eco. Ne eblas al la pra-historia homo (al kelkaj aktualaj homoj ja eblas, malfeliĉe!) ne ravi ĉe la birdokanto aŭ ĉe la riverkirlo, tiel kiel ne eblis al ili ne timi ĉe la tondroj kaj fulmoj, kaj ĉe la leon-bleko. Ĉu eblas esti indiferenta al suno kiu rapide ekaperas en blua ĉielo post la tempesto? Rakonti tiujn impresojn, pro la miro kaj la ravo, fariĝis neceso kaj deziro de ĉiuj homoj de ĉiuj popoloj. Tiel naskiĝas literaturo, kaj arto ĝenerale.

En ĉiu homo estas artisto, sed la plej parto da ili ne konscias pri tio, ne agnoskas sian propran valoron, kaj ĉefe ne sin trudas al la plezuro de la studoj, kiuj povas transformi tiujn pulsantajn ecojn en realan literaturon.

La esperanta muzo inspiris Zamenhofon ekde la komenco de nia lingvo. Jen oni ŝatas, jen oni ne ŝatas la poemojn de Zamenhofo (pensige ĉu eblas ne ŝati ilin!), oni nepre devas agnoski ke la kreinto de esperanto estis poeto, kaj ke liaj poeziaj ecoj grave rolis en la konstruo de la strukturo de la internacia lingvo esperanto. La poezia senco de Zamenhofo donis al esperanto ĝian belsonon, ligis la ideojn al la elektitaj

vortoj, donis al la frazo poezian ritmon, kaj al la tuto ian brilecon malripeteblan en la historio de la planlingvoj.

Tiuj kiuj ankoraŭ pensas, ke poezio estas kromaĵo sen reala utilo, nur taŭga por amuziĝo laŭ ili, profunde eraras, kaj montras per tiu opinio sian vakuon rilate al la humanismaj studoj. Literaturo, kaj ĉefe poezio, ŝanĝas la homojn kaj la sociojn, donas feliĉon kaj emociojn, preparas la junulojn por la vivo, kaj helpas nin ĉiujn esti malpli barbaraj. Teknologia socio sen arto robotigus la homon, transformante lin en senkoran inteligenton.



Marmora statuo de Homero, romia kopio de helena originaĵo (ĉ. 150 a.K.).
Homero estis la unua eŭropa verkisto, kaj la unua edukisto de la okcidenta kulturo.

## LA KLASIKULOJ

Emociiĝado apartenas al la ĉefaj ecoj de la homo, do. El tiuj emocioj, la homoj faras imitaĵon, kaj, pro sia plaĉo kaj pro siaj ecoj, imitas variece, tiel akuŝante literaturon. Tio okazis en la pratempoj. Nun, krom la vivita sperto en kontakto kun la naturo kaj kun aliaj homoj, la verkistoj ankaŭ estas influitaj de aliaj nunaj kaj intaj verkistoj. La plej saĝaj kribras tiun influon, kaj sin lasas instrui de la plej bonaj, kiuj trapasas la historion kaj estas legataj en ĉiuj epokoj. Al tiuj oni nomas la klasikulojn. Kelkaj el ili lumis el tiuj du plej elegantaj epokoj en la homa historio, la latina orepoko (ĉ. 25 a.K.) kaj ĉefe la helena orepoko (ĉ. 400 a.K.). Tamen, aliaj geniuloj aperis en aliaj epokoj por vivi eterne en la animo de la edukitaj homoj. Ĉu eblas forgesi Ŝekspiron? Ĉu eblas legi la *Mizerulojn* de Viktoro Hugo ne sentante kelkfoje la fluantajn larmojn? Kiu ne fariĝas almenaŭ filozofeto ĉe la lego de *La eta princo* de Antoine de Saint Exupéry? Ĉu eblas ne elvoki la plej kernajn sentojn ĉe la legado de la rava verko *Mia dolĉoranĝarbo* de la brazilano José Mauro de Vasconcelos? La portugallingva literaturo ravas pro la abundo, kvalito kaj bunto de verkoj, pri kiuj La Karavelo apenaŭ jam donis palan ideon. Tamen, inter ĉiuj, super la bonaj verkistoj kaj la geniuloj, radias la verkoj de Kamonio (por: Camões [ka'mõjsh]), princo de la portugala lingvo, apolono de la portugala literaturo.

## KIEL REKONI ARTAN VALORON?

Por honesta kaj klera homo, tio ne estas facila.

Anstataŭ antaŭjuĝe aserti "tio estas bona, kaj tio estas malbona", gravas ke oni pripensu ĉu oni ne estas forlasanta la bebon de la bankuvo kune kun la malpura akvo. Vulgareco neniam brilas, sendube, kaj oni ne povas publikigi ĉion. Tamen, de tiu pozicio al la plej ekstrema (sed ja tre ofta), laŭ kiu nur la klubanoj estas dignaj literaturumi, estas mezvojo nur ebla al tiuj kiuj fakte studas kaj amas la literaturon, responsas pri siaj literaturaj opinioj kaj respektas la laboron de la aliaj, havante la humilecon konsideri, ke foje aperas homo kiun ni ne bone komprenas, sed ke iam eble estos konsiderata valorplena.

En la ekstremoj sin agitas ĉi tiuj du teniĝoj: kelkaj, literaturposedantoj, nur havas la kapablon agnoski kiel bonan literaturon tiu kiu plaĉas al ili, aŭ tiu kiu estas simila al jam historie agnoskita literaturo. Tiuj fermiĝas en akademioj, kiuj kritikaĉas aliajn akademiojn, kiuj kritikaĉas la unuajn. Ili ekzistas en ĉiuj skoloj. Skoloj estas respektindaj artaj em-grupoj, kiuj kredas sincere ke siaj vidpunktoj kaj emocioj pri la reala vivo (jen konkreta jen anima), estas pli bonaj, pli taŭgaj kaj pli adekvataj ol la pozicioj de aliaj skoloj. Tio estas normala, respektinda kaj eĉ necesa. Ĉiu el ili publikigas sian revuon kiu prie skolas. Tamen, la malrespekto al la aliuloj kiuj pensas aliel, kaj la endogamia enfermitiĝemo, se iel oni povas kompreni ĉe ne esperantistoj, oni ne povas kompreni ĉe tiuj kiuj asertas ke ilia laboro estas la konstruo de pli tolerema mondo.

En la alia ekstremo krias la ignorantoj, kiuj studis preskaŭ nenion, hipervalorigas siajn vidpunktojn, kaj volas fari literaturon nur el siaj spertoj, kvazaŭ ili estus la literatur-kreintoj, forlasante milojn da jaroj da literatura historio. Tiuj ne scias kiel oni skandas versojn, sed versas; ili apenaŭ scias sian denaskan lingvon, sed opinias pri la monda lingvoproblemo; ili nur svage aŭdis pri Homero, sed kapablas aserti pri la malnoveco de la helena kulturo... Eĉ ne indus paroli pri ĉi tiuj, se nia epoko ne estus tiel riĉa je manko da literatura kulturo ĉe homoj foje eĉ socie enfrakitaj. Jen restas ĉi tie recepto por socibaki literaturan fakiston, por la interesatoj:

Prenu manplenon da sociintereso. Spicu ĝin per falsa modesto. Vestiĝu elegante kaj diru nur kion ĉiuj jam diris antaŭe; ĉiuj agnoskitaj gravuloj, kompreneble. Poste, havu pozon kiam vi eldiros banalaĵojn, kaj konkeru socian pozicion en la medio. Sciu kelkajn nomojn parkere, enmemorigu kelkajn versojn kaj eldiru ilin kvazaŭ vi ne estus lerninta apenaŭ la diraĵojn...

* * *

La valoro de artaĵo dependas de la valorkredoj kaj de la kulturo de tiuj kiuj ĝin ricevas. La afero strukture situas en la nivelo de kodado kaj kod-solvado, kiel multaj aferoj en la vivo. La kod-solvanto devas havi la kapablon deĉifri. Tiu kapablo dependas de liaj deĉifriloj, kiuj estas liaj kulturaj elementoj. Ju pli vasta la kulturo de iu homo, des pli akceptema li estas rilate al la kulturo kaj verkoj de la aliaj.

## Mesaĝo

*de Fernando Pesoo*
*trad. João José Santos, el la portugala*



Supre, desegno de Almada Negreiros [por: al'mada ne'grejrosh], farita en la 30-a de novembro 1935, post reveno de la funebro de sia amiko Fernando Pesoo. Ĝi estis publikigita en la literatura revuo Presença [por: pre'zensa], en 1936, dediĉe al la granda poeto, kiel posta omaĝo.

**SEPA (2) – DON FILIPA DE LENKASTRO**

Kiu mistero stis en via sino
kie la geniuloj nur ĝermadis?
Kiu anĝelo revojn de patrino
en vi vuale iam protektadis?

**3 - LA KVINONOJ**

**UNUA – DON DUARTO, REĜO DE PORTUGALIO**

Mia dev' faris min, kiel Di' l' mondon.
Estiĝis mi laŭ la reĝiga devo,
en tag' kaj verk' kaj skrupula profundo.

Firma en mia trist', tiel mi staris.
Kontraŭ la fat', pleniĝis mia devo.
Ĉu senutile? Ne, ĉar mi ĝin faris.

**DUA – DON FERNANDO, INFANTO DE PORTUGALIO**

Di' al mi donis sian glavon por
sia sankta milito.
En domaĝ', Li min benis, kaj dolor',
kiam tra frida tero, je horor'
pasas la venta frido.

Sur miaj ŝultroj, metis Li la manojn
kaj min oris rigarde;
kaj la sopir' al l' Trans', kiu min voras,
kaj la dezir' al l' grand' stas nomo Lia
ene de mi mem arde.

Kaj jen mi iras, l' glavo alta lumas
en mia frunto milda.
Plena je Di', ne timas mi ontaĵon,
ĉar ĝi, ajna ĝi estu, ne pli grandos
ja ol mia animo.





*trad. Francisco Wechsler, el la portugala*

## Kun vino mi forgeson verŝas tasen *(odo 57)*

*de Ricardo Reis (Fernando Pessoa)*

Kun vino mi forgeson verŝas tasen:
Mi gajos, ĉar feliĉo stultas. Kiu
Ĝojus pro antaŭvido
Aŭ memoro? De l' brutoj
Perpense ni akiru ne la vivon,
Nur l' animon; rifuĝinte en sorto
Enigma, nekapabla
Atendi aŭ memori.
Mortontmane mi levas mortontbuŝen
En malfortika tas' paseman vinon,
L' okulojn vualinte
Por ke mi ĉesu vidi.

## En la nokta lampo *(odo 19)*

*de Ricardo Reis (Fernando Pessoa)*

En la nokta lampo
Ektremas la flamo.
Ondas l' alta ĉambro.

La dioj permesas
Al piaj kredantoj
Ke tremu neniam
La flamo de vivo
Tordante l' aspekton
De l' mondo ĉirkaŭa,
Sed firma kaj svelta
Kiel altvalora
Kaj antikva gemo,
Ĝi tenu l' serenan
Belecon pludaŭran.



Pesoo, kun okulvitroj, trinkas kafon kaj eble absinton, en sia preferata lisbona kafejo "Martinho da Arcada" [mar'tinjo da ar'kada]. Sur la tablo kuŝas "Mesaĝo", la ununura verko de la poeto eldonita dum lia vivo.

*El la portugala muzo...*

## ***Luís Vaz de Camões** (1524?-1580)*
## *La plej genia poeto de la portugala lingvo*

*de João José Santos*

ENKONDUKO

Ludoviko Vazo Kamonio (por: Luís Vaz de Camões [lu'ish vash de ka'mõjsh]) naskiĝis probable en 1524 kaj mortis en la 10-a de junio 1580. Juste, oni konsideras lin “la plej genia poeto de la portugala lingvo”. La Portugalia Tago, nacia ferio, estas precize en la 10-a de junio, kaj ĝi estas nomata, en Portugalio, “Tago de Kamonio, de Portugalio kaj de la Portugallingvaj Komunumoj”. Ĉirkaŭ Kamonio sin arigas dankeme kaj amplene portugaloj kaj brazilanoj, angolanoj kaj mozambikanoj, gvinebisaŭanoj kaj kaboverdanoj, santomeprincanoj kaj timorlestanoj, kaj ĉiuj kiuj havas la portugalan kiel sian denaskan lingvon. Kamonio estas sendube unu el la plej grandaj eŭropaj verkistoj el ĉiuj tempoj, kies valoro samniveliĝas kun Vergilio, kun Danto, kun Ŝekspiro, kun Viktoro Hugo, kaj kun la aliaj eŭropaj genioj de la literaturo. Memvole oni ne aludas al la nekomparebla Homero, ĉar ĉi tiu estas la majstro, la patro, la fonto de la okcidenta kulturo. Kamonio estas renesanca aŭtoro, kies kulturaj trajtoj estas ĉefe latinaj. Estas sciate de ĉiu studinta klasikan kulturon, ke la latina literaturo estas branĉo de la helena, filtrita de la latina penso.



Portreto de Kamonio far Fernão Gomes (1548-1612), gardita en la portugalia nacia arkivejo "Torre do Tombo", la plej granda kaj grava portugalia arkivejo. Ĉi tiu portreto estas unu el la malmultaj kredeblaj historiaj fontoj pri la granda epopeisto.

VIVO DE KAMONIO

Kion oni scias pri Kamonio, estas ĉefe bazita el deduktoj kaj induktoj faritaj surbaze de la analizo de lia propra verkaro. Tio signifas ke oni uzas literaturajn verkojn kiel historidokumentojn. La samon oni povas diri pri Ŝekspiro kaj pri Homero, pri kies vivoj oni scias eĉ malpli.

La vivo de Kamonio estis plena je aventuroj kaj problemoj. Oni pensas ke la poeto naskiĝis en Lisbono en 1524, el nobela malriĉiĝinta familio. Lia patro estis “Simão Vaz de Camões” kaj lia patrino “Ana de Sá”. Probable la poeto studis en la monakejo Sankta Kruco de Koimbro, kie lia onklo Don Bento de Kamonio estis prioro. La poeto studis en la Universitato de Koimbro, kie la onklo havis doktoran pozicion. Ne estas dokumentoj kiuj certigu, ke Kamonio studis en la universitato, sed la profundaj konoj pri humanismo montritaj en lia verko, nur povis esti prenitaj, en tiu epoko, en universitata etoso. Certe li legis Homeron, Vergilion, Horacon, Ovidion, Petrarkon kaj multajn, multajn aliajn pensulojn, de la klasika epoko al sia tempo. En 1542, la poeto estis en Lisbono. De tie, li iris al Norda Afriko, kie batalis kontraŭ la araboj, perdante, en Ceŭto, la dekstran okulon, laŭ la supra portreto. Oni ne scias, ĉu lia irado al la nordafrikaj bataloj estis kaŭzata de lia intereso en la armila kariero, ĉu pro reĝa puno pro la palacaj kaj tavernaj luktetoj en kiu li estis ofte envolvita, certe pro la amaj kaj amoraj motivoj, kiuj regis la koron de nia poeto. Lia amo kaj pasio al la virinoj trapasas sian verkon. Ne nur al la blanka kaj blonda petrarkisma virino, sed ankaŭ al la nigrulinoj, al la orientulinoj, al la damoj de la palaco, al la sklavinoj, kaj al la popolaj fraŭlinoj. La ina belo kaj svelto impresis kaj ravis lin, sendepende de raso aŭ socia deveno. Ĉirkaŭ 1549, li revenis al Lisbono. Tiam li frekventis la nobelajn lokojn kaj etosojn, kaj ankaŭ la tavernojn. En la 16-a de junio 1552, en strata lukto, li glave vundis Gonçalo Borges, kiu laboris en la reĝaj ĉevalejoj. Tiam oni arestis lin. La reĝo de Portugalio, Don Johano la tria, pardonis lin, en letero de la 3-a de marto 1553. La motivo de la reĝa pardono estis, ke la vundito ne tre vundiĝis kaj eĉ jam estis pardoninta Kamonion. Post kelkaj tagoj, li vojaĝis al Hindio, por servi la reĝon en militaj misioj. Ja la vivo de la poeto en Lisbono ne plaĉis al si mem. Inter 1553 kaj 1555, li batalis kontraŭ la piratoj en Hindio. Poste li havis kelkajn administraciajn okupojn. Laŭ la legendo, en groto de la insulo Makao, Kamonio verkis grandan

parton de La Luzidoj, eble ankaŭ pro la impulso de la saŭdado al la lontana patrio. En 1560, la poeto reiris al Goo, en la portugalia Hindio. La ŝipo en kiu li vojaĝis dronis en la elfluejo de la rivero Mekongo, en Kamboĝo. Tie li sin savis kaj sian manuskripton de La Luzidoj, sed ne sukcesis savi sian orientan kunulinon, kiu nomiĝis Dinameno. Sub la akvoj de la rivero Mekongo ŝi restis porĉiame. Al ŝi, li verkis kelkajn el siaj plej amemaj kaj korŝiraj sonetoj. En 1567, la poeto estis arestata denove en Goo, pro nekonataj motivoj. Tiam, post 17 jaroj, Kamonio revenis al Lisbono, post trapaso en Mozambiko. Revenis li kun la manuskripto de La Luzidoj, sed perdis sian lirikaron Parnaso, forŝtelita al li en Mozambiko. En 1571, Inkvizicio donis permeson de publikigo de La Luzidoj, kio okazis en 1572. En la 28-a de junio 1572, la reĝo Don Sebastiano, al kiu la poeto legis sian verkon, koncedis al nia poeto etan jaran subvencion de 15,000 reĝoj. Kamonio mortis en hospitalo, en la plej kompleta mizero, en la 10-a de junio 1580, en la sama jaro en kiu Portugalio perdis la sendependecon favore al Hispanio. Kiel li mem asertis, Kamonio vivis kun unu mano ĉe la glavo, kaj la alia ĉe la plumo.


Tombo de Kamonio, en "Mosteiro dos Jerónimos", Lisbono

## VERKARO DE KAMONIO

Krom la epopeo La Luzidoj, Kamonio verkis lirikajn poemojn, en pluraj subĝenroj, kaj dramojn. Se oni povas aserti, ke en la epopeo kaj en la liriko, Kamonio estis vere genia, pri la dramo la granda poeto ne multe zorgis.

La Luzidoj estas epopeo, kun pli ol 8,800 versoj, kiu, ĉirkaŭ la rakonta akso de la vojaĝo de Vasko da Gamo al Hindio, prikantas la heroaĵojn de la portugala popolo, kolektiva ĉefa persono de la rakontado, en la sceno de la portugala historio. La verko havas klasikan strukturon kaj estas mimezo (arta imitaĵo, el la helena) de la Iliado, Odiseado kaj ĉefe de la Eneado. Kelkaj epizodoj de La Luzidoj eĉ preterpasas la kvaliton de la modelo, kiel ekzemple la epizodo de Don Inezo de Kastro, kies literatura fono estas la epizodo de la reĝino de Kartago, Dido, en la Eneado de Vergilio.



Faksimilo de la unua eldono de La Luzidoj en la portugala lingvo.

La Luzidoj ne estas nur verko pri la luktoj kaj la kuraĝo de eta popolo kiu trapasis la marojn. Se ĝi estus nur tia, ŝi similus al kavalira rakontado. Ĝia intereso estas multe pli profunda, ĝi situas ĉefe en la pritrakto de la humanismaj valoroj en artisma maniero, kun granda retorika precizeco. Ĝi estas fonto de tropoj, kaj ĝia tekstofluo estas mirinde retorike organizita. Ĝi estas arta monumento, kiu ĝentile sin lasas esplori de tiuj kiuj estas en kulturaj kondiĉoj por tio, t.e., ĝi postulas inicon, kiel ĉiuj grandaj verkoj.

La rakontado de La Luzidoj estas tre viveca, kvazaŭ realisma, kio faciligas la laboron al dramisto kiu deziru scenigi kelkajn epizodojn.

Laŭforme, La Luzidoj estas ekzemplo de dediĉemo al la poeziiko. La verko dividiĝas en dek kantoj, kaj ĉiu kanto havas averaĝe 110 okversajn strofojn. La plej granda parto de tiuj versoj havas heroan ritmon (la akcento kuŝas sur la sesa kaj deka ritmaj silaboj), kaj la ceteraj malmultaj estas safaj versoj (kun akcento en la kvara, oka kaj deka ritmaj silaboj). Kontraŭe al la klasikaj verkoj, en kiuj ĝi inspiriĝis, la versoj de La Luzidoj rimas. Ĝi estas konstanta rimo laŭ la skemo A,B,A,B,A,B,C,C, en ĉiuj strofoj de la epopeo.

La interna strukturo de la verko estas multe pli kompleksa ol la ekstera ĵus priparolita. Tamen, oni povas faciligi ĝian komprenon per la simpligo en ĉi tiu skemo:

**Propono (1:1-3)** (unua kanto, strofoj 1 ĝis 3); en kiu la poeto montras sian celon kaj la ĉefan personecon de la verko: la portugala popolo. **Alvoko (1:4-5)**; en kiu la poeto alvokas la nimfojn de la rivero Taĵo, la taĵidinoj, por venigi al si epopean inspiron. **Dediĉo (1:6-18)**; kie la poeto dediĉas la verkon al la tre juna tiama reĝo de Portugalio Don Sebastiano. **Rakontado (1:19-ĝis la fino de la verko)**; en kiu oni rakontas la historion de Portugalio, sceno de la heroaj agoj montrantaj humanismajn valorojn. Ĝi estas rakontata en analepsoj kreitaj el la rakontado de la vojaĝo de Vasko da Gamo al Hindio. Dum tiu vojaĝo, la romianaj dioj, kiuj el Olimpo regas la destinojn de la homoj kaj de la nacioj, dividiĝas en du grupoj, la unua grupo favoranta al la pretendoj de la portugaloj, kaj la dua malfavoranta la portugalojn. La unua grupo estis estrita de Venuso kaj Marso, kaj la dua de Baĥo. En ĉi epopeo lerte la paganismo kunvivas kun la kristana doktrino.



Statuo de Kamonio, en "Praça Luís de Camões", Lisbono. En unu mano la glavo, en la alia la libro.

La verko enhavas solenan seriozon, kie ne mankas kelkaj epizodoj, kiuj spicas la seriozon de la vivo per ŝercaj interrakontoj.

Stile, arte, retorike, drame, mite k.c., la verko estas monumento al la homo. Ĝi estas perfekte enkadrita en sia renesanca epoko, ĝentile lumiganta la rezonon kaj la koron de la homo, portugallingva aŭ ne, por la eterno. Multaj verkistoj, post Kamonio, deziris atingi lian montopinton. La plej inteligentaj estis tiuj kiuj havis la humilon lerni kun la majstro verkante ion alian, ne epopeon.

En la liriko, Kamonio verkis sonetojn perfekte petrarkajn, kaj grandan variecon de poemoj en mezepokaj subĝenroj.

Rilate al la prilaboro de la portugala lingvo, Kamonio fiksis ĝin en modelo natura laŭ ĝia inta evoluo, emfazante en ĝi la latinan devenon, jen en la elekto de la vortprovizo, jen en la fiksigo de la plej regulaj latinaj formoj, jen en la latina sintakso de la propozicioj kaj de la periodoj, jen en la humanismaj valoroj pritraktitaj. La portugala lingvo, post Kamonio, gajnis alian elanon, ne perdante, ankoraŭ nuntempe, la ĉarmon de la amikkantoj kantitaj de la iberiaj poetoj, de la 12-a ĝis la 15-a jarcentoj.

ALDONO: LA NOMO "KAMONIO"

La nomo "Camões" havas tre malfacilan prononcon por neportugallingvano; proksimume, ĝi estas [ka'mõjsh]. La lasta fonemo eĉ povas aperi kiel [z] aŭ kiel [ĵ], depende de la eka sono de la posta vorto. Ĝia esperantigo, plenmerita paralele kun nomoj kiaj Virgilio kaj Ŝekspiro, ne estis facila trovo.

El la skriba formo venus ia strangaĵo kia "Camoeso", ne rekonebla por la portugaloj. El la parola formo venus simila aberacio, kia "Kamojŝo". Helpis min, en ĉi tiu traduk-provo, la adjektiva formo, kiu en la portugala estas "camoniano" [kamuni'ano]. El ĉi tiu formo, aperas la radiko "camoni", kiu ankaŭ troviĝas en la substantiva formo.

En ĉi tiu punkto, estas necese klarigi afereton pri la portugala lingvo, por pruvi ke la radiko de la substantivo estas la sama de la adjektivo. En la evoluo de la latina al la portugala, la intervokala sono [n] perdiĝas, malaperas, ofte nazaligante la apudajn vokalojn. En la kastilia tio ne okazas. La atenta leganto demandas nun, kial do la sama ne okazis al la adjektiva formo. Simple pro la fakto, ke la substantiva formo evoluis far la popolo, kaj la adjektiva erudicie. La sama fenomeno okazas kun la portugalaj vortoj "lua" kaj "lunar". La unua signifas "luno" kaj la dua "luna". La unua evoluis popole, kaj la dua erudicie.

Tiel, el la portugala radiko [kamo'ni], mi alvenis al la nomo "Kamonio" en esperanto; ne hazarde, ne pro plaĉo, sed surbaze de filologia rezonado, kie, mi esperas, la poezia sento ne malestis.

* * *




En esperanto, aperis en eldono de Fonto, de la eldonisto Gersi Alfredo Bays, la traduko de La Luzidoj tre lerte farita de Leopoldo Knoedt, en 1980. La libro estas kudrita kaj bindita, havebla en la libroservo de UEA kaj ĉe la eldonisto.

Kelkaj poemoj el la liriko de Kamonio aperis tra la jaroj, ĉefe el la traduka plumo de diversaj brazilaj verkistoj, el kiuj reliefiĝas la tradukoj de Geraldo Mattos, kiu ekverkas por La Karavelo ekde ĉi tiu numero, kio kompreneble tre honoras nian revuon.

*El la portugala muzo...*

# *La Giganto Adamastoro, el La Luzidoj*

*de Kamonio*

*trad. Leopoldo Knoedt †, el la portugala*
*komentoj de João José Santos*

En la 15-a jarcento, estis terura aventuro navigi el Eŭropo, rondiri la okcidenton de Afriko kaj trapasi la Bonesperan Kabon, kiu antaŭe estis konata kiel la Turmenta Kabo. Temas pri la kabo, kiu situas en la suda parto de Afriko, en Sudafriko. Tie mortis nekalkulebla nombro da portugalaj navigistoj, kiuj volis trapasi ĝin por malkovri la maran vojon al la fora Hindio, kie la portugaloj ambiciis komercajn interesojn. Tiuj kiuj mirakle eskapis al la morto en tiu kabo, revenis por rakonti la plej mitajn okazaĵojn, pri giganta monstro, kiu tie dispecigis la karavelojn kaj navojn. Imagu vi, leganto, la situacion:

Tiuj etaj ŝipoj sub maraj ŝtormoj, kie la maro kaj la ĉielo estis unu nura elemento en nokto perfekte nigra. La ŝipo baŭmas perfortege sore kaj sube, kaj alproksimiĝas al tiu monstra rokego por disfrakasiĝi. Se vi ne svenus antaŭe, ankaŭ vi vidus la Giganton Adamastoron.

KANTO 5

37
Jam pasis tra kvin sunoj la ŝiparo,
de kiam ĝi de tie sin formovis,
tra de neniu navigita maro
sulkante, dum prosperaj ventoj blovis,
kaj ni senzorgaj en la gardostaro
dumnokta sur la tranĉa pru' nin trovis;
jen nubo, kiu la aeron faris
malluma, super niaj kapoj staris.

La vojaĝo estadis trankvila, kaj la ŝtormo venis neatendite rapide, timigante la virojn.

38
Kun tia ŝarĝo venas ĝi, ke tima
fariĝis ĉies koro; kvazaŭ vane,
batante sur rokego malproksima,
la nigra maro tondras uragane.
"Ho Potenculo," diris mi, "sublima,
per kiu prasekreto oceane
minacas vi, vetera aŭ elmara,
ŝajnanta pli ol ŝtormo ordinara?"

"Diris mi": kompreneble "mi" estas la rakontanto de ĉi tiu evento, kiu ĉikaze estas la propra kapitano Vasko da Gamo. Diversaj rakontantoj rolas en la diversaj agadoj de La Luzidoj.

39
Apenaŭ finis mi, kaj jen figuro
al ni sin montras enaere: forta,
misforma kaj grandega laŭ staturo;
vizaĝo malserena, barb' senorda,
en la mien' malico kaj teruro,
kun la hararo krispa teroporta,
terece pala, kun okuloj kavaj
kaj en la buŝo nigra, dentoj flavaj. (...)

Kiel vidate, la Giganto Adamastoro estis ne nur terure timiga, sed ankaŭ naŭziga. La 40-a strofo komparas lin al la Koloso de Rodiso, priskribas la basan voĉon de la monstro kaj mencias ke ĉiuj tiuj viroj tremis je timego.

41
Kaj diris li: "Ho gentoj pli aŭdacaj
ol ĉiuj, kies faroj grandiozas!
Vi, kiuj post krudegaj kaj malpacaj
tiomaj penoj vanaj ne ripozas,
nun rompas barojn de la limoj spacaj
kaj kun kuraĝ' tra l' foraj maroj krozas,
gardataj de mi longe jam sen signo
de ĉiu fremda kaj de propra ligno:

Tio estas: kiel vi aŭdacis veni ĉi tien ĝeni min?

42
ĉar vi sekretojn celas, kiujn ŝparis
naturo kaj la likva elemento,
kaj kiujn ĝis nun ili ne senbaris
al homo de plej granda eminento,
pri punoj aŭdu, kiujn mi preparis
por via spita troimpertinento,
tra larĝo mara kaj tra vasto tera,
de vi mastrotaj post milito fera. (...)

Sekviĝas prolepso, kiu estas rakontado de futuraj eventoj, kiuj punos la portugalojn. Tiuj eventoj fakte okazis. Kamonio verkas La Luzidojn ĉ. 50 jaroj post tiuj profetitaj eventoj.

50
Mi estas la kaŝita granda kabo
de vi nomata Kabo de l' Turmento;
al Pomponio, Ptolemeo, Strabo,
Plinio, nekonata, kaj al gento
antikva; kvazaŭ fino per bartrabo
mi estas de l´afrika kontinento
kaj al l' polus' antarkta min etendas,
sed vi per troaŭdaco min ofendas!"

Li finfine sin prezentas, aldonante ke eĉ la antikvaj geografoj ne konis lin. Post ĉi tiuj versoj, li diras sian nomon, t.e. Adamastoro, kaj rakontas sian propran miljaran vivhistorion. Li diras, ke li estis oldega tera dio, kiu, pro pasiego al la belega diino Tetiso, brakumis la klifon sin fandante kun ĝi, pensinte, ke li brakumis Tetison. La epizodo finiĝas per lia plorego, kiu fuĝigis la nigrajn nubojn, kaj bonigis la veteron. Tamen, la maristoj maltrankvilis pro la adamastoraj profetaĵoj.

*El la portugala muzo...*

## *Kelkaj sonetoj*

*de Kamonio*

*trad. Geraldo Mattos, el la portugala*
*komentoj de João José Santos*

## *Ĝentila animo mia, de la tero*

Du el la belaj sonetoj kiujn Kamonio verkis al la memoro de Dinameno, la orientulino mortiĝinta en la rivero Mekongo.

Ĝentila animo mia, de la tero
malĝoje foririnta tiel frue,
ripozu en ĉielo tempoflue
kaj tie ĉi mi vivu en sufero.



Se nur en via sido el etero
pri vivo eblas rememori ĝue,
la amon ne forgesu, kiun skue
mi montris al vi en okulsincero.

Kaj se vi povos juĝi min merita
je iom da konsol' pro la dolor'
vin perdi en la disto infinita,

al Dio petu, vin preninta al glor',
min porti tiel frue el tero spita,
kiel li portis vin de mia kor'...

## *Se pro la sorto kontraŭa, karulino*

Se pro la sorto kontraŭa, karulino,
en via mano mia ĝojo nestas,
nun sur la tero tomb' al vi ne restas,
por ke al mi ne restu milda sino...

La akvoj de la maro el fascino
eterne vian strangan ĉarmon festas,
sed, dum en mi sin vivo manifestas,
vivanta ili trovos vin sen fino.

Kaj, se potencos tiom vers' sovaĝa,
ke longan historion ĝi promesos
al amo tiel pura kaj magia,

mi vin ekkantos per la lir' omaĝa,
kaj, dum memoro sur la ter' ne ĉesos,
fariĝos mia verk' surskribo via.

Jen kiel Kamonio lirike pritraktas la biblian epizodon de la paŝtisto Jakob kiu servis 7 jarojn Laban por edziĝi kun lia filino Raĥel.

## *Jakob sep jarojn al paŝtista vago*

Jakob sep jarojn al paŝtista vago
ĉe l' patro de Raĥel, Laban, sin bridis;
sed ne pro li, pro ŝi li sin decidis,
ĉar ŝin li celis dum la tuta ago.

La tagojn li pro unu sola tago
pasigis, ĝoja nur, ke li ŝin vidis,
sed antaŭzorge l' patro lin perfidis,
kaj estis Lea, ne Raĥel, la pago.

Vidinte triste, ke ĉi trompaj faroj
al li la paŝtistinon ne permesos,
kvazaŭ li ŝin ne indus post l' aktivo,

li sin ekbridis dum sep pliaj jaroj,
kun dir': - Mi plu min bridos, se ne ĉesos
por tiel longa am' la kurta vivo.



*El la portugala muzo...*

# *Endeĉoj al la sklavino Barbaro*

*de Kamonio*

*trad. João José Santos, el la portugala*

Tiu sklavo ina,
kiu min sklavigas,
ĉar en ŝi mi vivas,
ne min volas viva.
Rozon mi ne vidis,
kiu en bukedo,
laŭ okula kredo,
pli belege sidis.

Nek kamparaj floroj,
nek ĉieloj stelaj,
ŝajnas al mi belaj
kiel ĉi adoroj.
Rara la vizaĝo,
la okuloj pacaj,
nigraj kaj bellacaj
sed ne de damaĝo.

Ĉe l' okuloj astro
viva dise flegas,
tiel jen ŝi regas
super ŝia mastro.
Nigras la hararo,
ke do ĉe la gentoj
ne plu restas sentoj
plaĉaj al blondaro.

Nigro je Amoro,
tiom ŝi konsolas,
ke la neĝo volas
ŝanĝi pri koloro.
Gaja kalmo ĉe
la prudento vera:
ŝajnas ŝi mistera,
sed barbara ne.

Ŝtormo stas serena
nur ĉar ŝi belpozas:
en ŝi do ripozas
mia pun' ĉagrena.
Jen la sklavo ina,
kiu min sklavigas,
ĉar en ŝi mi vivas,
estu ende viva.


Marie-Guillemine Benoist, Portreto de Nigrulino (1800)

**Noto**
Endeĉoj (por.: endechas [en'deshash]) estas kvarversaj strofoj, kies versoj estas ĝenerale mallongaj, 5 aŭ 6 silabaj, kaj rimitaj. La endeĉoj estis kulturataj en Portugalio inter la 16-a kaj la 18-a jarcentoj. Ili havas sian originon en la helenaj poemoj kiuj omaĝis la mortintojn, tamen ĉe la portugaloj ili estas melankoliaj kaj tristaj strofoj uzitaj ankaŭ por aliaj tristaj situacioj, kiel la am-angoraj. Krom Kamonio, verkis endeĉojn Rodrigues Lobo [ru'drigesh ´lobu] kaj ankaŭ Correia Garção [ku'reja gar'sãu].
En ĉi tiu kamonia poemo, la endeĉoj estas grupigitaj en paroj formante okversan strofon.

Hungario bukedas...



# Odo
*(hungare: Óda)*

*de Attila József*
*trad. Imre Szabó, el la hungara*

En januaro 2008, finiĝis la aŭtorrajtoj pri la verkoj de la aprezinda hungara poeto Attila József.


Attila József
(1905-1973)
hungara verkisto

La Karavelo kunmemoras tiun eventon, publikigante tradukojn de nia kunlaboranto Imre Szabó, kaj recenzante la libron *Purakore.*

Attila József naskiĝis en Budapeŝto, en la 11-a de aprilo 1905, kaj mortis en Balatonszárszó, en la 3-a de decembro 1937. Oni ne certas, ĉu lia horora morto, okazinta sub la radoj de vagonaro, estis memmortiĝo aŭ akcidento.


Statuo de Attila József, apud la Universitato de Szeged.

En 1932, ankoraŭ tre juna, li estis forigita de la Komunista Partio, pro tio ke li proponis revizion de la marksista doktrino. Lia vivo estis tre dolora kun diversspecaj problemoj, kie la malriĉeco ludis kernan rolon. Lia talento kaj inteligento ne estis agnoskitaj de la tiatempaj povdecidantoj, pro la kuraĝo per kiu li prezentis siajn vidpunktojn kaj emociojn en siaj verkoj. Antaŭjuĝo forĝita surbaze de la legado de la poemo "Purakore", far aŭtoritatulo, malhelpis la poeton fariĝi instruisto.

Lia naskiĝtago, la 11-a de aprilo, estas la "Tago de la Poezio", en Hungario.

**Attila verkis la jenajn librojn:**

*A szépség koldusa*, 1922

*Nem én kiáltok*, 1925

*Nincsen apám se anyám*, 1929

*Döntsd a tőkét, ne siránkozz*, 1931

*Külvárosi éj*,1932

*Medvetánc*, 1934

*Nagyon fáj*, 1936

***(JJS)***

**1**

Jen, mi sidas sur la rok' de glimoj.
Tra la somero
svelta brizo ŝvebas kiel varmo
de kunmanĝo dum vespero.
Sorbas mian koron malalarmo.
Ne malfacilas –
svarmas al mi are la iamo,
klinas sin la kapo, kaj la mano
humilas.

Mi rigardas la montaron –
vian frunto-klaron
la folioj re-rebrilas.
Nun la voj' ne iun gvidas,
via jup' – mi tamen vidas –
en vent' subtilas.
Vidas mi sub delikataj frondoj
viajn harojn en disfalaj ondoj,
viajn molajn mamojn pulse rondi,
kaj en la forkuro de rivero
mi revidas sur ŝtonero
ĉiu, jen sur viaj dentoj
la feinan ridon ek-ekfonti.

**2**

Mi amegas vin, ho, kiom flame,
kiu universojn de la foro
kaj insidan, ruzan solecegon
en profundaj kavoj de la koro
ekvoĉigis same.

Propran bruon kiel akvofalo
min forlasas, kuras vi al muto mara,
kaj mi inter rokaj pintoj de fatalo
tondras, ŝrikas vaste per sinpelo
batiĝante inter tero kaj ĉielo,
ke mi amas vin, kruela-kara!

**3**

Amas mi vin kiel fil' patrinon,
mutaj grotoj kiel propran sinon,
amas mi vin: ĉambroj kiel lumon,
korpo la kvieton, flamon la animo,
amas mi vin kiel vivan sunon
mortemuloj amas ĝis la fino.

Vin mi gardas en la movoj, vortoj, ridoj,
kiel tero ĉion falan al si ligas.
Mi en cerbo per instinktoj, per acidoj
fiksis vin neniam malapera,
vi kara, bela,
ĉiun sencon tie vi plenigas.

La minutoj fortiriĝe knaras,
sed vi sidas inter orelmuroj,
steloj ekbrilegas kaj subfalas,
sed vi fikse firmas en okuloj.
Kiel muto en la groto solas,
vi arome en la buŝ' pendolas,
via mano delikat-vejnara
sur la glas' kristala
ekaŭroras.

**4**
Ho, mi estas kia materialo,
kiun tranĉas, formas vi per vido gema?
Kia lumo kaj kia animo,
kia fenomeno de sublimo,
ke mi migras tra l' nenio-nebularo
sur pejzaĝoj de via korp' fruktema?

En aperta menso kiel vorto vera,
malleviĝas mi en via mem' mistera! ...

Viaj vejnoj, kiel la rozujoj,
senĉese tremas.
La kurent' eterne kuras, por ke
survizaĝe floru via amo,
kaj utere fruktu la benita flamo.

La senteman humon de stomako
la radikoj en zigzago
brodas, ĉiu eta brako
kunplektiĝas en reago –
por ke kunariĝu ĉiu ĉelo-lago
kaj la frondaj pulmoj en torako
flustru gloron de spir-vago.
La materio marŝas jen feliĉe
tra tuneloj de intensoj svarmaj,
la skorion revivigas riĉe
bolaj putoj de la renoj varmaj.

Ondo de montetoj ekvilibras,
en vi bildo de stelaroj vibras,
zumas lagoj kaj fabrik-demonoj,
svarmas besto-milionoj,
ŝarkoj,
algoj,
la kruela kaj la bona kerno;
sunoj brilas, blankaj noktoj diafanas,
kaŝe en vi mem titanas
senkonscie la eterno.

**5**
Kiel bula sango gutas,
antaŭ vin jen falas
tiuj vortoj.
Nun la viv' balbutas,
nur la leĝo pure klaras.
La organoj, kiuj min renaskas
ĉiutage, ekmutante jam fiaskas
armi sin per fortoj.

Sed nun ili ĉiuj krias –
Elektita el areg' de homoj,
el la dumil milionoj,
ho vi, unusola,
lito viva, tombo forta, vi lulilo mola,
min akceptu en vi! ...

(En aŭroro soras la ĉielo!
Aroj glimas en la erca foro.
La okulojn vundas tiu helo.
Mi perdiĝos en angoro.
Super mi tre alte krakas,
batas mia koro.)

**6**
*(Flanka kanto)*
(Min portas trajno proksimiĝe
vin eble trovos mi feliĉe,
ekpacos eble tiu flamo,
kaj eble diros vi kun amo:

Jen, por vi bano jam varmetas!
Jen, por vi mola tuko pretas!
Jen, manĝo por la apetito!
Por kuŝi jen, komuna lito.)

## *Purakore*
*(hungare: Tiszta szívvel)*

*de Attila József*
*trad. Imre Szabó, el la hungara*


de Van Gogh

Nek plu patro, nek patrino',
nek plu di', nek patrujsin',
nek lulil', nek mortkovril',
nek amanta kisobril'.

Faste venas tria tag',
malplenegas la stomak'.
Dudek jaroj - jen potenc',
vendas ilin mi sen senc'.

Se neniu emos min,
la diablo prenos min.
Purakore krimos mi,
Eĉ ne murdi timos mi.

Min kaptiton post pendum'
oni kovros per la hum',
por mortigi kreskos flor'
sur belega mia kor'.

## *Ho Vi, Eŭropo*




*(hungare: Ó Európa...)*

*de Attila József*
*trad. Imre Szabó, el la hungara*

Ho Vi, Eŭropo - lim-amaso,
post ĉiuj limoj murdistaroj -
mi ne funebru pri knabino
naskonta idojn post du jaroj.

Ho, ne permesu al mi honti,
ke mi naskiĝis Eŭropano,
ke frato de liberaj ursoj,
mi malliberu en malamo -

Poemas mi por vin amuzi,
montpinton suprenvenis maro,
kaj primetita tablo flosas
suronde meze de nubaro -

*Hungario bukedas...*

# Recenzo de la libro: *Purakore*

*de João José Santos*




***aŭtoro:*** *Attila József*
***tradukisto:*** *Imre Szabó (el la hungara)*
***eldonis:*** *Humana Eŭropo-Asocio*
***paĝoj:*** *128*
***formato:*** *21cm x 14,5cm*
***trovebla:*** *ĉe UEA*

Ĉi tiu antologio de la verko de Attila József facile montras al la leganto la sentivon de poeto, kiu, laŭepoke kaj laŭstile, havas realismajn trajtojn. La ŝparemo de puraj adjektivaj formoj donas al la teksto la substantivecon de la vivita realo, ne brutaĉa sed kruda, kie la lirika mio eliĝas kiel viktimo, kiu ne perdas la purecon, eĉ se la socio lin transformus en krimulon.

La virino ofte aperas en la atilaj poemoj, sed kiel ĉe aliaj temoj, la amo ne kondukas al paca silento de la estulo, nek al malkvietiga amorimpulso; ĝi kondukas al ĉagreno varieca, ĉefe pro la mizero trudita de la malmono, kiel oni esprimas en ĉi tiuj versoj de la poemo "Ne frapante da pordon" (paĝo 66):

***"Se mi ekamos vin, vi povos enveni al mi ne frapante la pordon,***
***sed pripensu bone,***
***vi kuŝos sur mia pajlosako (...)***
***(...)***
***min dolorus, se poste vi evitus min longe."***

La malmona barilo ĉiam enmetiĝas inter la lirikulo kaj la amatino. En "Nun blankas la fajro" (paĝo 21):

***"Kantu, pura malĝojo,***
***mi kuŝiĝos sur la lun-kuseno."***

En la sincera religiemo de Attila, oni vidas la humilan subiĝon al la dia volo, en la akceptemo de sia destino, kie oni sentas ian pasivan kritikan rigardon de la kreito al la Kreinto. Oni legu parton de lia poemo "Mallaŭta vespera psalmo" (paĝoj 11-12):

***"Nur simple, primitive mi ŝatus nun rakonti al Vi, ke ankaŭ mi / ekzistas, kaj mi estas ĉi tie, kaj mi admiras Vin, sed ne / komprenas."***

Filo de la mizero, kiel tiom da poetoj, Attila scipovis, kun travidebleco kaj kuraĝo, transformi sian doloron en arton. La elŝiraj koraj vortoj al la panjo, kvazaŭpreĝe, en la poemo "Ad sidera" (latina titolo signifanta "Al la steloj") (paĝoj 12-13), kulpigas la "Monon", majuskle skribita kvazaŭ ĝi estus pagana dio, pro la doloroj suferitaj de la "Homa sino", la panjoj:

***"Vi, panjo, jam senlima malproksimo,***
***vin jam, se mankas pano, ne ĉagrenas,***
***(...)***
***Ne suferigu plu la Homan sinon***
***la Mono."***

La tradukisto, sperta en la regado de nia lingvo, tute ne timas plurloke uzi la nomatajn neologismojn (fakte uzataj de bonaj esperantistoj antaŭ dekoj da jaroj), kaj lerte plektas tiujn formojn kun sinonimaj kunmetitaĵoj, tiel produktante naturan efikon en nia lingvo. Jen parto de la poemo "(Mi estis por ŝi)" (paĝoj 97-98):

***"Ŝi mavis, bonis, kiel homo -***
***Jam nek malbono, jam nek bono,***
***sed eblas ami ŝin: memoron."***

Cetere, la imra esperanto uzas libere kaj kreive la rimedojn de nia esperanto-tradicio. En la poemo "Sidi, stari, murdi, morti" (paĝo 79):

***"oldulinon amorflati,"***

La erota impulso de la lirikuloj de ĉi poemoj ĉiam ĉesas tuj post la eko, premita de la vivaj angoraj cirkonstancoj. Vidu ĉe la poemo "Pluvas" (paĝo 83-84):

***"Mi volas ankaŭ vian jup-odoron,***
***vi batas, kisas min nur ne atendas -***
***kiel puriĝu mia amo iam,***
***se voĉe, poze vi min daŭre tentas -***
***doloras, vidu, frunt' pro kolizio,***
***doloras tre, ke pasos ĉi-doloro,"***

En "Socialistoj" (paĝo 85), kiel en aliaj poemoj, la poeto montriĝas kamarade kun la malbenitaj de la sorto:

***"Doloro, mizero kaj bono nin kunarigis,***
***ni vadas en forta tritiko, la kara armilo***
***pikadas al ni la gluteon -"***

Kaj ja la revoluciema elano de Attila eksplodigas la poezian senton de Imre, kiu preterpasas la gramatikajn konvenojn, eligante antan verban formon el imperativo. En "Urboranda nokto" (paĝo 105-106-107).

***"Sed li al mur' grimacas iom,***
***altajdas lin amar' - li ploras,***
***vivuas la revolucion."***

El la paĝoj 114-115, la esperantistaj panjoj kaj paĉjoj povas pluki belan "Lulkanton", el kiu oni prezentas strofon:

***"Ekskurso dormas ĉe river',***
***dormetas pilko kaj fajfil',***
***kaj dormas dolĉo en suker' -***
***ekdormu bele, eta fil'."***




Pri la kvalito de la traduko povas nur juĝi sciantoj de la hungara, sed la kvalito de la esperanta stilo induktigas la esperantan leganton al la konkludo, ke li estas leganta bonan tradukon.

Malfeliĉe ne ĉio rozas, kaj ankaŭ kelkaj dornoj prezentiĝas en ĉi tiu libro. Post la belega kovrilo (gratulon al Gabriella Gelencsér), malfermante la libron, oni trovas preserarojn kaj ĝeneralan senzorgon rilate al la paĝokompostado. La leganto gajnus se la kurtaj poemoj aperus en ununura paĝo; sed ne, preskaŭ ĉiuj finiĝas en la sekvanta paĝo. Libro estas konkretaĵo, kiu gardas spiritan perlon, sed ankaŭ la perlujo povas esti artaĵo. Oni sentas ankaŭ la mankon de pli pri la vivo de la aŭtoro, la mankon de literatura studo kiu situigus la aŭtoron inter la aliaj hungaraj aŭtoroj, la mankon de literaturaj kaj historiaj notoj kiuj gvidu la leganton, kaj ankaŭ la mankon de antaŭparolo. Dua eldono de ĉi ti libro devus esti pli kompleta.

Eĉ kun tiaj mankoj, "Purakore" proponas al la leganto vivan poezian plezuron. La perlo estas tie, je la dispono de ĉiu ajn.

*El la fora latina...*



# Mi pro Cion ne silentos

**latine: Propter Sion non tacebo**

*de Walther de Châtillon (ĉ.1135–1200)*

*trad. Gerrit Berveling, el la Latina*

Aŭtoro Latinlingva el unu de la “renesancecaj tajdoj” de la Mezepoko (la unua, ege grava, estis tempe de imperiestro Karolo la Granda – Ĉarlemanjo – ĉ. 800; la dua en la 12-a jarcento). Li naskiĝis en la ĉirkaŭaĵo de Lille, estris la lernejojn en Laon kaj Châtillon-sur-Marne; post lia studo de la kanona juro en Bologna, la ĉefepiskopo Guilhelmo de Reims venigis lin kiel notarion al si kaj faris lin kanoniko en Amiens, kie poste li mortis. Walther de Châtillon estas ankaŭ konata kiel "Gualterus ab Insulis" aŭ kiel "Gualterus de Castellione".

Lia epopeo *Alexandreis* aŭ *Aleksandrado*, lia ĉefverko, kreita inter 1176-1182 en Reims kaj dediĉita al la menciita ĉefepiskopo, estas nepre unu el la apogeoj de la tuta Mezepoka poezio. Krom tio li verkis ankaŭ en stilo parenca al la vagantaj studentoj, same kiel Arĥipoeto. La plej fama el liaj pli ol 70 lirikaj poemoj estas "Propter Sion non tacebo".

Lia famo estis tiel granda, ke dum jarcento eĉ Vergilion li forpuŝis el la lernejoj per sia epopeo.

Jen unu fama, iom sarkasma poemo lia:

1 Mi pro Cion ne silentos[1],
Rom-ruinojn mi lamentos,
ĝis por ni la justa pi’
ree kreskos novigita,
kiel lampo starigita
ĝuste en la eklezi’.



2 Sidas kvazaŭ en la puto
la princino, sub tributo[2];
kion ofte diris mi,
ke ‘stas Romo forlasita
terurita turmentita,
mem laŭfakte spertis mi.

3 Vidis mi de l’ mond’ la kapon[3],
vidis de la mar’ la gapon:
Sicilia gorĝa ĝu’;
jen de l’ mond’ la bitalaso[4],
oron tie sorbas Kraso[5]
kaj arĝenton krome plu.

4 Tie bojas Skil’ kaptema
kaj ĥaribda la rabema
pli pri or’ ol pri ŝipar’;
ĉar galeroj kunen iĝas,
kaj piratoj kunfrapiĝas:
jen la kardinala ar’.

5 Sirtoj[6] kaŝas sin subonde,
‘stas Sirenoj tiumonde
por minaca ŝiprompiĝ’;
hom-aspekto eksteraĵe,
sed en kor-okulto kaŝe
‘stas demona misformiĝ’.

6 Dank’ al Franko[7] tie vivi
estas bitalase drivi;
prenu ĝin ne por frivolo:
bolas tie duo mara:
kontraŭ ĝi nul estas bara
se vi havas eĉ obolon[8].

7 Ventoj interbatiĝadas,
tie tukoj glutiĝadas,
tol’, purpur’ sen ajna dank’;
tuta mondo entombiĝas,
ja komplete for-maĉiĝas
en la ega faŭk' de Frank’.

8 Ne kompatas Frank’ pri homo,
lin ne tuŝas eĉ renomo,
nek senforto nek la glor’;
donojn portas tien ĉiuj,
ja ascendos tien ĉiuj
triboj, triboj de l’ Sinjor’[9].

9 Nomu tiujn Skil-hundidoj,
kiuj agas ver-perfidaj,
l’ advokatoj de l’ kuri’;
per bojado falson vomas,
mono-ŝipon ili dronas
lerte tuj per averi’.

10 Tiu pruvas sin juristo,
jena krome dekretisto,
Gelasion[10] citas eĉ;
kaj pri ajna sinekuro
volas ĉi per proceduro
fiksi pri la kompetenc’.

11 Nun la vorto zorgu l’ kazon:
jen ĥaribda havas bazon:
tio ‘stas kancelari’;
nul senpage havos gracon,
tie trovos nul donacon
nur pro Gracian-graci’[11].

12 Plumb’, por fiksi la buleon,
gajnas super or’ obeon,
venkas eĉ arĝenton tre;
la Justeco fantazia
laŭ atesto Zaĥaria[12]
tronas super plumb-bule’.



13 Kiuj Sirto aŭ Sireno?
Kiuj logas senprobleme
glatavorte ormonerojn;
esperigas pri denaro,
sed per ŝtormo de avaro
blovplenigas la monujn.

---

1 Vidu en Jesaja 62: 1 k.s.
2 Plorkantoj 1:1.
3 Kapo de la mondo = Romo.
4 Nekonata vorto; eble akvokirliĝo aŭ interbatiĝo de du maroj.
5 Kraso - unu el la unua triviraro; kune kun Pompejo kaj Cezaro. Kraso - eble la plej riĉa viro de sia epoko - mortis en 53 a.K., ĉar la Partoj, kiuj lin kaptis, trinkigis al li fanditan oron.
6 Sirtoj estis sablobenkoj antaŭ la bordo de Nord-Afriko.
7 Kamerlengo de la papo.
8 Monero, kiun laŭ klasika Greka kredo la mortintoj devis kunporti en la postmortejon, por ke ili estu transportitaj prame al la vera Infero/Subterejo. Obolon oni do metis al mortinto sub la langon.
9 Psalmo 122:4.
10 Gelasio I, papo de 492-496, strebis al superregado de Romo.
11 Graciano, fondinto de eklezia juro, ĉ. 1140.
12 Vidu en Zaĥarja 5:7-8.

14 Dolĉakante ili ĉarmas
laŭ-Sirene kaj vin ŝalmas
por vin sorĉi tuj:
"Frato, bone vi amatas,
mi je vi ne ekspluatas,
ĉar vi estas el Francuj'[13].

15 ĝuste via land'[14] elektis
kaj bonvole nin akceptis
en haveno de koncil'.
Nia estas vi; - de kiu?
De la Sankta Seĝ' ĉi tiu
'stas vi speciala fil'.

16 ĉies pekojn vi malligas,
pardonitajn ni sidigas
seĝe en ĉiel-eter'.
Petro al ni donis leĝojn,
por ĵurligi ĉiujn reĝojn
per katenoj ĉi el fer'."

17 Tiel diras kardinaloj,
dekomence Di-karnaloj[15]
jen kutimas idiomi.
Englutiĝas drak-veneno,
ili fine per ĉi premo
la monujon igas vomi.

18 Kardinaloj, laŭ dirito,
vendas de la Krucumito
ĉion laŭ la nova jur';
ene 'stas Neron', ekstere
Petro; kaŝe lup', sed vere
montras sin nur ŝafa spur'[16].

19 Tiaj, Petro, la stirilon,
tiaj tenas la ŝlosilojn[17]
kun por ligi la potenc';
nin instruas sed nedoktaj,
nin instruas; nokt' al nokto
ja instruas pri scienc'[18].

20 En galero je la lofo
sidas mondpest' katastrofa
kiu glutas la kamelojn[19];
subvuale ŝajn-pudoras,
laŭ-leone ĉion voras
kun rabado kaj anheloj.




21 Kiu estras la piratojn,
kiun nomas ni Pilato,
tiu sidas en insid';
ventro dika, haŭto fajna,
monstro granda kiun ajna
virt' ne savas el la hid'.

22 'Stas ĉi-mare ne Diino
ĉi Tetis', Aĥil-patrino,
kiun ofte legis ni;
sed sterlinga la patrino[20],
sankta Monkest-fratulino,
kiun nomas *Bursa*[21] ni.



23 ŝi graveda? - la stiranto
bone frandas kun piratoj
kaj amikoj - tuta trib';
sed se *Bursa* maldikiĝas,
vent' leviĝas, mar' ŝveliĝas
kaj pereas lia ŝip'.

24 Klifoj l' ŝipon jen atakas,
ĝis de ĉio ĉiuj vakas:
vestoj, mono, ĉio for;
ja senriskas vojaĝanto,
se li nuda kaj kantanto
estas antaŭ predator'.

25 Kiu l' klifoj? - Pordgardisto,
dank' al kiu, malgraŭ tristo
pli ol tigra aŭ de best',
enenpaŝas monhavulo,
sed peliĝas la povrulo
de la pord' per simpla gest'.

26 Diri veron se sen ĝeno:
tie 'stas nur du havenoj,
du insuloj estas nur,
kien eblas alnavigi,
por la perdojn reĝustigi
de l' ŝipeto per polur'.

27 Petro de Pavia[22] prave,
elektit' Meldensa, brave
portas nomon de haven';
ĉar se onde mar' tumultas,
nur li mem la maron muldas;
fuĝas antaŭ li problem'.

28 Estas eĉ haven' pli granda,
agro riĉa, horto franda,
la balzamo de piec';
Aleksandro jen la mia[23],
kiun glor-riĉigu Dia
lito en la Paradiz'.

29 Li favoras la klerulojn;
kiuj spertis sorto-brulojn,
se li povus, helpus li;
Di-kultanto plej sincera,
se l' Eliŝa-haŭt' ulcera
ne fariĝus pro Giezi[24].

30 Sed ke ree ne ĉi-mare
glutu ondo min amare,
finos nun ĉi vortojn mi,
ĉar por ke ne dronu mi ja,
paŝe sen danĝer', al mia
buŝo bridon metas mi.

---

13 Por ŝajnigi fidindecon kaj intimecon, la vortoj *frato* kaj *mi* estas vulgarlingve (Itale kaj France).
14 Tiuepoke estis du-papa skismo en la okcidenta eklezio: 1159-80. Francio subtenis papon Aleksandro III, kiu loĝis en Francio inter 1162-1165. Li ĉeestis nacian Francan koncilion en Montpellier.
15 Di-karnaloj - vortludo kun kardinaloj. Di-karnaloj, karneskaj, karnpekaj.
16 Vidu en Laŭ Mateo 7:15 kaj Psalmo 114:4+6.
17 Vidu en Laŭ Mateo 16:19; oni kutime legis tiun tekston kvazaŭ temus pri la papo.
18 Vidu en Psalmo 19:2.
19 Vidu en Laŭ Mateo 23:24.

---

20 La Angla *sterlingo* estas konata post la 12-a jc.
21 *Bursa* = monujo; komparu kun *borso*.
22 Petro de Pavia en 1171 estis konsekrita episkopo de Meaŭ (Latine Meldensis), sed post pluraj jaroj da "elektiteco" sen ke efektive li povis ekfunkcii kiel episkopo, en 1175 li fine rezignis je tiu titolo.
23 Papo Aleksandro III.
24 Giezi = Geĥazi (II Reĝoj 5:20 k.s.), la servanto de la profeto Eliŝa, kiu por siaj servoj al Naaman postulis pagon; pratipo de simonio.



*El la nederlanda florado...*

# Sempervivo

*"Sempervivum tectorum"*
*de Guido Gezelle, 1894/02/03*
*trad. Leo De Cooman, el la flandra*



Sempervivo, kiu tie silente
obea al simpla kamparanaro
enkreskis en la dika pajltegmento,
radikfiksita gardeme sidas.

Sen angor', sen timo pro la fulmo
ili loĝas tie sub via protekto:
se ĝi enfalus la flameman pajlon,
sendomaĝa restus la tuta familio.

Malantaŭ vi ŝatas mi vidi la katon
avide gvatantan la birdojn,
malantaŭ vi ĝi profitigas
sian ermenfelon en la suno.

Kiam ĉie kuŝas nuda neĝo
ĉirkaŭ kaj sur vin falinta
tiam eĉ ege serĉante,
sempervivon ne trovas mi plu.

Ankaŭ longe daŭradas degelo
de l' markezoj ; tragrimpinte vi denove
salutas la varmetan venton
gutigantan la tegmenton.

Ej, min ĝojas kiam en tiaj tagoj
de vi foriĝas vintraj turmentoj
kiam vi, verdaj kaj bluaj,
el matenroso portas la perlojn.

*En nia regiono, kiam la kamparanaj domoj estis ankoraŭ pajlokovritaj, oni kreskigis sempervivon sur tegmentoj kaj muroj. Nialingve oni nomis ĝin "tondrofolioj", ĝia pli oficiala nomo estas "tegmenta sempervivo", foje oni nomas ĝin "domfeliĉo". Tiu planto, el la familio krasulacoj, bone eltenas la malkomfortan medion sur la tegmento. Oni kredis, ke ili protektas kontraŭ la fulmo **(LDC)**.*

Apud vi preterpromene
mi salutas vin farboŝanĝitajn; salutas mi
kaj diras, je Di' apogante,
'Benita ĉiu loĝanto sub vi!'

Jes, tie loĝas en tiaj lokoj
abundo de ĉarmoj amikaj,
nekontestebla laboremo
kaj riĉo ne ruston konanta.

Flandran koron kaj lingvon flandran
gastigas via mistaksata pajlokovrilo,
humila pajlotegmento; malnova, fidela
flandria honesta loĝdomo!

Sempervivo, lasu ankoraŭ jarcentojn,
lasu vian verdaĵon blanke prineĝiĝi
dumvintre; lasu la sunan fajron,
somere, vin preskaŭ malfarbi.

Sed vi ne deiru de super
la pajlotegmentoj de niaj biendomoj,
nek iam lasu ilian domon
sen protekto, sempervivo!

Pezajn tondronubojn forigadu
forpelu de ĉie la fulmon; restu,
kaj, kie radikojn vi streĉas,
patrujon nian protektu Dio.



*En karavelo esperantisma...*

*de Nikolaj Neĉaev*



## Finaŭguste

Septembro apudas.
Pri tio aludas
Folioj flavetaj
Sur vojoj poetaj,
Ekvelko de herboj,
Apero de verboj:
Minori, sopiri,
Suspiri, inspiri...

## Realo kaj sonĝo

En realo vintras nun,
En la sonĝo arda sun'
Min brunigas ĉe lagun'.

En realo vintras jam,
Sonĝe estas korpa flam'
En la freŝ' de mara am'.

## Poeto en decembro

Poeta koro plenas
Je ĝoja romantiko.
Decembro ne katenas
Torenton de liriko.

Min ravas neĝo, steloj,
Atendo de Novjaro.
Anime versjuveloj
Ekfontas sen avaro.

## Al Johano

Bona estu nova jaro.
Venu muzo, venu sano,
Venu bela amikaro,
Venu ĝojo al Johano.
Via bela magazino
Karavele plu navigu
De Lisbono ĝis mondfino
Kaj amikojn kunfratigu.



*En esperantisma karavelo...*

# Komato

de Ferenc Harnyos

*Ferenc Harnyos* naskiĝis la 12-an de marto 1961. Nun li estas entreprenisto, kiu havas etan entreprenon. Ferenc instruas Esperanton en altlernejo kaj kurse. Li estas posedanto kaj redaktanto de Esperanto-Radio Jászberény:
*http://87.242.26.208:8000/listen.pls*
Li jam delonge estas hungara lingvohelpanto kaj tradukanto ĉe *http://hu.lernu.net/*. Li estas ano de Hungara Esperanto-Asocio kaj estrarano de Amikeco-Esperanto-Asocio. Ferenc eklernis Esperanton en 1980, kaj havas supergradan ŝtatan lingvoekzamenon pri Esperanto.

Kiel granda plezuro estas stiri aŭtomobilon en tiu belega, somera mateno. La suno brilas, sed ankoraŭ ne estas varmege, kvankam kelkfoje oni povas vidi fatamorganon de la vojo fore.

La ĉielo admirinde bluas, kelkajn ŝafidformajn nubojn ordonadas nevidebla ŝafisto.

Mi fartas bone.

Baldaŭ mi atingos la aŭstran limtrapasejon, mi esperas, ni ne devos atendi multe. Depost kiam ankaŭ ni, hungaroj, fariĝis eŭropuniaj civitanoj, povas vojaĝadi pli facile ene de Eŭropa Unio.

Malaperis la landlimoj, nur la lingvaj limoj restadis. Mi ne regas la germanan, ankaŭ aliajn naciajn lingvojn mi ne scipovas. Bonŝance, ke dum Esperanto-renkontiĝo ne gravas, de kie oni venis, kaj kiun denaskan lingvon oni parolas. Ĝis mi atingos la celon, mi uzos la internaciajn mansignojn por komprenigi min. Mi eĉ ne povas imagi, ke mi renkontos ulon esperantoparolantan dum la vojaĝo.

Jen, ĉi tie estas informtabulo, kiu anoncas, ke baldaŭ mi atingos la finon de la ŝoseo, sekvos aŭtovojo kaj poste ĉefvojo. Mi ŝatus, se iu el nia klubo ĉeestus, mi ŝategas konversacii. Tiel ĉi nur mi povas dialogi kun mi mem, hm... mi estas bona kunparolanto, he-he-he.

Nu, fine mi atingis la limstacion. Ŝajne, ĉiu kaj ĉio estas trankvila, neniu hastas nervoze, tio estas bona signo. Alta, sunbrunigita limgardisto proksimiĝas al mi.

— Bonan Tagon! Bonvolu montri al mi vian personan atestilon.

— Jen ĝi!

— Kien vi veturas?

— Mi veturas al Esperanto-Aranĝo en Vieno.

— Ho! Mi jam aŭdis pri ĝi. Ĝi estas iaspeca artefarita lingvo, ĉu?

— Jes, tiaspeca.

— Bonan Vojaĝon! — kaj li redonas mian atestilon.

Mi startigas mian aŭton malrapide, mi ne hastas, nun mi jam havas iom da tempo. Mi rigardadas la apudvojan pejzaĝon. Kiel bela kaj pura ĉio estas ĉi tie! La aŭtotrafiko sufiĉe densas, kelkuloj veturadas ege rapide, ĉiuj rapidas al ie. La ŝoforoj preterveturas unu la alian danĝere, kiel ekzemple tiu kontraŭe. Oj, tio estos tre danĝera, ve-ve, tiu certe ne sukcesos...



Munch, En la mortolito (1895)

Kio okazis? Kie mi estas? Ĉio estas malkonata por mi. Mi kuŝas en fremda lito, vestita en fremda piĵamo. Estas duonlumo, aŭ mi vidas malbone? Mia cerbo komencas vekiĝi, eĉ miaj sensoj akriĝas. Hm, mi sentas hospitalodoron. Kial mi estas ĉi tie? Mi memoras pri nenio. Mi aŭdas voĉojn de ekstere, mi komprenas nenion el la parolado. Ŝajnas al mi, ke oni parolas germane, sed mi ne certas. Malfermiĝas la pordo kaj enpaŝas flegistino.

— Kiel vi fartas? — demandas ŝi.

— Mi fartas sufiĉe bone — mi respondas aŭtomate.

— Kie mi estas? — mi interesiĝas malcerte.

— Vi estas en hospitalo, en Vieno — diras ŝi iom ridete.

— Kiam mi enhospitaliĝis? — mi daŭrigas vicon de demandoj, kaj subite bombas la rekono en mia cerbo: "kiun lingvon ni uzas"? Ja mi konversacias Esperante en Viena hospitalo.

— Ho, jam tre antaŭ longe. Vi estas ĉi tie 15 jarojn. Vi kuŝis en komato ĝis nun.

— Vi bone parolas Esperante — mi konstatas nur flanke.

— Kio okazis al mi?

— Vi havis teruran aŭtoakcidenton, kaj oni portis vin ĉi tien.

— Kiel bona afero estas, ke vi parolas la lingvon internacian. Ni ne povus komuniki alimaniere, ĉar mi ne scipovas paroli germane — mi diras kontente.

— Ho, kompreneble, ĉi tie ĉiuj parolas Esperanton. Ho, mi nun ekmemoras, ke vi ankoraŭ ne scias pri la granda lingva ŝanĝiĝo, kiu okazis jam antaŭlonge.

— Hm...? Pri kiu ŝanĝo vi parolas? — mi demandas nekomprene.

— Antaŭ 13 jaroj, Eŭropa Komisiono decidis, ke en ĉiuj membroŝtatoj oni devas enkonduki la instruadon de la lingvo Esperanto en la bazaj lernejoj. Poste Esperanto fariĝis pontolingvo inter la nacioj. Nun

jam ĉiuj en Eŭropo parolas Esperanton krom sia nacia lingvo — ŝi klarigas entuziasme.

Ho, mia Dio, do tamen ni sukcesis! Ja ni luktis ĝuste por tio dum jardekoj, mi apenaŭ povas kredi tion. Do, tamen esperantistoj sukcesis konvinki la registarojn, ke ne ekzistas alia solvo por atingi la lingvan egalecon. Mia flegistino rimarkis mian subitan entuziasmon, kaj tiel alparolis min:

— Mi pensis, ke vi estos ĝojanta pro tio. Mi sciis, ke vi estas esperantisto, mi vidis vian verdan insignon sur via jako. Mi nun devas iri por raporti pri via "reviviĝo" — kaj ŝi forlasas la ĉambron.

Mi restas sola kun miaj kirliĝantaj pensoj. Mi provas movi miajn piedojn, sed ne sukcesas. Mi provas movi miajn manojn, eĉ tion ne sukcesas. Ŝajne, mi bezonas iom da tempo por regeneriĝi. Subite mi sentas fortan pisemon. Mi devus signi iel al la flegistino. Mi rigardas maldekstren kaj mi rimarkas la butonon de sonorilo. Mi devas atingi tiun aĉan vokilon. Ordonante al mia cerbo mi malrapide levas mian maldekstran brakon kaj premas la butonon. Kio okazas? Ja la sonorilo sonas apud mi. Mi eksaltegas el la lito, preskaŭ mi surfalas la plankon pro la subita kapturniĝo. Dio mia, ĉu mi nur sonĝis ĉion? Mi ĉirkaŭrigardas, ho jes, mi estas hejme, kaj tiu sono estas nur la vekhorloĝo kiu diras sian kantaĉon daŭre.

Mi residiĝas sur la rando de mia lito, trete-trote mi mutigas la vekhorloĝon. Ankoraŭ lumeskas la sonĝbildoj en mia cerbo, sed nur jam pale. Kiel interesa estis tiu ĉi sonĝo!

Domaĝe, ke ankoraŭ nun ni nur sonĝas kaj revas pri tiu mondo!

*El la portugala muzo...*



# La koro

*de Castro Alves, brazila poeto*

*(1847-1871)*

*trad. Roger Gotardi*



La homa kor' estas kolibro ora
De l' bordoj puraj de l' ĝarden' Edena.
Unu — mielas kiel pasifloro,
Trinkas parfumojn de lekant' serena.

L' alia — flugas tra arbar' pli verda,
Sidas ridete sur petala flamo.
El miel' vivas, alnomata kredoj,
El arom' vivas, alnomata amo.

*Literaturas ruse...*

# Kial kato ne volas esti lavata



Valentin Melnikov naskiĝis en la 18-a de julio 1957, ricevis kemiistan kleron, nun laboras kiel komputisto. Esperantistiĝis en 1982. Poeto, tradukanto, recenzanto. Redakciano de *La Ondo de Esperanto* (pli frue ankaŭ de aliaj rusiaj kaj sovetiaj E-gazetoj). Liaj verkoj (ĉefe poemoj kaj recenzoj) aperis ankaŭ en *Esperanto* (UEA), *Hungara Vivo*, *Literatura Foiro*, *Litova Stelo*, *Monato*, *Sezonoj* k.a. En 1995 en Jekaterinburg aperis lia traduko de fama rusa erotika poemo *Kojonov Luĉjo* kaj en 1997 samloke eldoniĝis lia traduko de *La morto de Ivan Iljiĉ* de Lev Tolstoj. En 2005 en la serio “Oriento-Okcidento” (vol.40) aperis lia traduko de la plej grava verko de la rusa literaturo: versromano *Eŭgeno Onegin* de Aleksandr Puŝkin (eldonejo *Sezonoj*, Kaliningrad). Krome, V. Melnikov aŭtoris grandan artikolon pri Esperanto en prestiĝa ruslingva *Porinfana Enciklopedio* (1998, kaj minimume du postaj reeldonoj, suma eldonkvanto ĉ. 200,000). Lia filino Nija parolas Esperanton denaske. Lia edzino estas Irina Mironova, kiu ankaŭ verkas por La Karavelo.

*de M. Simonova*
*trad. Valentin Melnikov, el la rusa*

Kato antaŭ kuv’ malĝoje
sidas, emas al forsalt’:
provu mem almenaŭ foje
lavi vin en fela palt’!



Hungario bukedas...



# Kredokonfeso de senpatrujeco **(1947)**

*(hungare: Hontalanság hitvallása)*

de Albert Wass *(1908-1998)*
*trad. Tibor J. Szabadi, el la hungara*

Mi estas senpatrujano,
ĉar mi konfesas, ke la penso stas libera,
ĉar mia patrujo stas tie sub la Karpatoj
kaj mia popolo estas la hungara.

Mi estas senpatrujano,
ĉar mi heroldas, ke frato estas ĉiu homo
kaj fine iam devos trovi unu la alian
de ĉiuj, kiuj volas la bonon.

Mi estas senpatrujano,
ĉar mi kredas en bono, vero, belo.
Kredas en ĉiuj religioj kaj en ĉiuj popoloj
kaj en Dio, kiu havas la triumfon.

Mi estas senpatrujano,
sed mi konfesas persiste, ke Li stas la vojo kaj la vivo
kaj ĝis mi vivas, restos sur ĉi tiu vojo,
kun kontinua kredo: homo kaj hungaro.

## Biografio de Albert Wass

*de João José Santos*
*(surbaze de la esperanta Vikipedio)*

Albert Wass naskiĝis en la 9-a de januaro 1908 en Válaszút, Rumanio, kaj mortis en la 14-a de februaro 1998 en Astor, Usono. Li estis hungarlingva verkisto. En 1946, en Rumanio, li estis kondamnita kiel militkrimulo. En 1944, li transloĝiĝis al germanio, kaj en 1952 al Usono, kie mortis. Nur post la socialismo, liaj verkoj povis aperi en Hungario. Albert studis en Debrecen, Hohenheim kaj Parizo. Li reiris al Transsilvanio en 1932 kaj estis soldato en la rumana armeo. Post la morto de lia avo, li prenis ties eklezian postenon, en 1936, kaj tiel iĝis ĉefprizorgisto de la episkopujo de la Hungara Reformata Eklezio. Liaj cindroj ripozas en Transsilvanio, apud la verkisto János Kemény.



Albert Wass



Albert Wass

En la monato de la centjariĝo de lia naskiĝo, La Karavelo kumemoras la verkiston per la traduka plumo de Tibor J. Szabadi.



La montaro Karpatoj

Verkoj de Albert Wass:
Romanoj, noveloj, rakontoj



Blazono de
Albert Wass

1934 Farkasverem
1940 Csaba
1940 Mire a fák megnőnek
1940 Jönnek!
1941 A titokzatos őzbak noveloj
1943 A kastély árnyékában
1943 Egyedül a világ ellen
1943 Vérben és viharban
1944 Tavaszi szél és más színművek
1945 Valaki tévedett noveloj el 1945-49
1945 A költő és a macska rakontoj
1947 A rézkígyó
1949 Zsoltár és trombitaszó – Örökösök noveloj, leteroj el 1949
1949 Adjátok vissza a hegyeimet!
1951 Ember az országút szélén
1952 Elvész a nyom
1953 Tizenhárom almafa
1958 Az Antikrisztus és a pásztorok
1959 A funtineli boszorkány
1964 Átoksori kísértetek
1965 Elvásik a veres csillag
1967 Magukrahagyottak
1974 Kard és kasza, verko pri hungara familia historio tra generacioj, en Transsilvanio
1975 Magyar örökségünk diversaj verkaĵoj
1978 Halálos köd Holtember partján
1985 Hagyaték
1989 Te és a világ noveloj

Versoj, fabeloj
1927 Virágtemetés (verso)
1942 Tókirály és szile
1942 A bölcs bölömbika
1942 Évszakok teremtése
1946 Mese az erdőről
1946 Bulámbuk
1946 A vén gombacsináló
1946 Éjjeli pávaszem
1947 A láthatatlan lobogó
1971 A hunok útra kelnek
1971 Isten kardja
1972 Szerencsés Pista
1972 A repülő kastély



# Deziroj kristnaskaj

*de Edward Jaśkiewicz*

**La salutojn Kristnaskajn kun dezir' Novjara**
**akceptu de mi – mia plej amata – kara.**
**Vin ĉiam – la plej bela anĝeleto mia**
**mi ĉiele plu amas per amo pasia.**
**Kaj kvankam vi deŝovis min flanken de vi jam,**
**sed tamen vin forgesi mi povas neniam.**
**Per amo mi ligiĝis direkte el koro**
**kun vi mia amata, mia amtrezoro!**

**Mi amos vin obstine kontraŭ via volo,**
**ĉar iĝis vi por ĉiam la mia idolo.**
**Kaj kiel en kanzono de mi tradukita –**
**„Mi al vi bezonata" – al vi dediĉita**
**mi restos al vi ĉiam sindona, fidela,**
**eterne vin amanta – diin' mia bela.**

Edward Jaśkiewicz naskiĝis en la 15-a de julio 1930. Li estis mekanikisto dum 40 jaroj en Szczecina Trafika Entrepreno, kaj esperantistiĝis en la jaro 1957.

Laŭ la kunuloj, li estas „marŝanta vortaro", konata kiel Edo, homo ĉiam helpema, ĉionfaranto, laŭ ĉies petoj.

Edo, jam ekde 1957, post la fundamenta kurso, komencis tradukadon kaj verkadon de diverstemaj versaĵoj kaj tekstoj de kanzonoj en Esperanto por diversaj okazintaĵoj.

Li publikigis diversajn librojn kun originala poezio, kaj tradukita poezio el la pola, la rusa kaj la ukraina.

En la 15-jara datreveno de ŝĉecina filio de Pola Esperanto-Asocio (PEA), en 1972, li estis distingita per vojevodia, ora insigno - „Pomeria Grifo"- por propago de ŝĉecina regiono helpe de Esperanto, kaj en la jaro 1984 per insigno „Merita Aganto de Kulturo" - far Ministro de Kulturo kaj Arto. Krom tio, Edo estis distingita far Ĉefa Estraro de PEA per insigno de „Merita Esperantisto" kaj diplomo por socia laboro en ŝĉecina filio de PEA.

Laŭ lia konstruita modelo, estis muldita kaj situita bronza, memoriga tabulo sur granda ŝtonego, vid-al-vide de iama esperanta klubejo „Verda Kelo" kun surskribo pri centjariĝo de Esperanto.

Ne eblas skizi, en kelkaj linioj, la meritojn de Edo en la kultura kaj propaganda laboro por Esperanto.

# Recenzo de la libro: Μαθαίνω Εσπεράντο

*[ma'theno espe'rando] (Mi lernas esperanton)*

*de João José Santos*



***aŭtoro:*** *Stano Marchek* / ***tradukisto:*** *Giórgos Dermátis*
***eldonis:*** *Stano Marchek*
***paĝoj:*** *116 nigreblanke ilustritaj*
***formato:*** *25cm x 15cm*
***trovebla en:*** *HEA esperantohellas@yahoo.gr*
*libroservo de UEA*
*kaj en kelkaj librejoj en Ateno*

Ĉi tiu konata lernolibro estas havebla nun kun klarigoj en la greka lingvo. Krom la 22 lecionoj, ĉi tiu manlibro enhavas du bazajn glosarojn, t. e. esperanto-greka kaj greka-esperanto, liston de kelkaj esperantaj retejoj, kaj du paĝojn kun klarigo pri prepozicioj per bildoj, kie mankas kelkaj el la esperantaj prepozicioj, kiuj tamen estas klarigitaj en la lecionoj.

La celhomgrupo de ĉi tiu lernolibro estas infanoj de 7 ĝis 12-jaraĝo, kvankam ĝi povas esti uzata eĉ por adoltoj, far sperta instruisto, kiu uzu la libron kiel gvidilon, aldonante strukture similajn tekstojn plej taŭgajn al la koncerna aĝo kaj aliaj ecoj de la klasanoj.

La malforta eco de ĉi tiu libro estas la glosaroj, kiuj estas tiel bazaj, ke ne aperas vortoj kiel "telefono" kaj "komputilo". Tamen, ĉi tiu troa bazeco de la glosaroj, povas esti solvita de la bonaj vortaroj greka-esperanto kaj esperanto-greka, de Spíros Sarafián, kiuj baldaŭ aperos en novaj eldonoj. Memkompreneble, la glosoj rilatas al la vortprovizo de la lecionoj, sed oni pripensu ĉu vortoj kiaj "telefono" kaj "komputilo", inter multaj aliaj, ne estas nepraj eĉ en la bazaj kursoj.

La ritmo de la lernado, proponita de la enhavo de la lecionoj, estas lanta sed sekura. La baza kurso povas efektiviĝi en 22 tagoj aŭ en 11, depende de la aĝo de la lernantoj, de ilia entuziasmo kaj de ilia memdediĉo.

La fakto ke la libro estas tre ilustrita portas facile la lernanton al la kompreno de la esperanta teksto, per metodo kie la etna lingvo, ĉikaze la greka, estas uzata ĉefe por gramatikaj klarigoj. La lecionaj tekstoj ne estas tradukitaj, kaj tio eĉ ne estas dezirinda kaj ne estas necesa, ĉar la lernanto komprenas la tekston per la bildoj, kaj per la glosareto kiu aperas en la fino de ĉiu leciono, kiu klarigas la novajn vortojn de la koncerna leciono.

Amantoj de la greka lingvo sin povas regali, aprezante la vorttradukojn, la du glosarojn kaj la etajn klarigtekstojn, en la greka. Oni povas eĉ aserti, ke ĉi libro havas intereson por esperantistoj, kiuj volu lerni kelkajn grekajn vortojn kaj bazajn gramatikaĵojn, kondiĉe ke tiuj sciu almenaŭ la grekan alfabeton kaj la prononcon de la moderna greka lingvo.

Tradukinte la libron, jen do unu plua paŝo de la prezidanto de Helena Esperanto-Asocio, Giórgos Dermátis, por la avanco de esperanto en la lulilo de Eŭropo.

*En karavelo esperantisma...*



# La balaantkoboldoj de Balaanturbo

*de Luiza Carol*

Iam, en bela arbaro, apud lago, troviĝis urbo de etaj koboldoj. Ili konstruis siajn domojn en stumpoj kaj trunkoj, uzante fungojn, glanojn kaj strobilojn, kune kun aliaj materialoj troveblaj en la arbaro. Ilia urbo estis ege bela, sed ĉiam malpura. Ne troviĝis sufiĉe multaj purigistoj en la urbo. La koboldidoj okupiĝis pri lernado, dum la plenkreskulaj koboldoj okupiĝis pri pli gravaj aferoj ol purigado. Ĉiuj plenkreskulaj gekoboldoj estis almenaŭ doktoroj, kelkaj el ili estis ankaŭ profesoroj kaj akademianoj. Oni pensis pri la rimedo uzi emeritajn gekoboldojn kiel volontulojn por purigado. Oni ege aprezis tiun ĉi rimedon, sed oni neniam efektivigis ĝin. Evidentiĝis ke mankas volontuloj, ĉar ĉiuj emeritaj gekoboldoj estis okupataj verki siajn rememoraĵojn, vojaĝi eksterarbare, naĝi, ktp. Kion fari? Kion fari?

Unu tagon, la estraro de la urbo decidis inviti iun grandan saĝulon, kiu estis fama jogista koboldo en Hindujo. Li estis nek doktoro, nek profesoro, nek akademiano, sed oni nomis lin "svamio", kaj tiu vorto signifas, ke li estis ege aprezata inter jogistoj. La svamio alvenis la urbon, rajdante blankan cignon el Hindujo. Oni volis gastigi lin en la plej multekosta hotelo de la urbo, konstruita en trunko de eleganta kverko, sed la svamio preferis tranokti sentegmente, kuŝante rekte sur folio de lotuso, meze de la lago, sole. La estraro de la urbo detale klarigis al li pri la grava problemo de la urbo, kaj poste lasis lin mediti trankvile.

La svamio ripozis dum du tagoj, kaj poste ekmeditis sur la lotusa folio. Fastante li meditis, krucigante siajn krurojn kaj fermante siajn okulojn. Ĉiujn 8 horojn li malfermis siajn okulojn kaj eldiris "OMMMMMM..." en la silento de la lago. Post du tagoj de medito, li leviĝis ege kontenta, banis sin en la lago, manĝis bonegan salaton el fruktoj kaj nuksoj, kaj ripozis dum ankoraŭ du tagoj. La sepan tagon, la svamio vokis sian cignon kaj rajdis ĝin en la urbon. La estraro akceptis lin kun granda estimo en la ĉefa halo de la urbodomo. Tie, la svamio anoncis la rezulton de sia meditado: "Se ĉiu balaos antaŭ sia pordo, tiam en la tuta urbo estos ordo."

Granda silento disvastiĝis en la halo, ĉar la estraro de la urbo konsterniĝis.

La svamio klarigis al ili detale kiel uzi balailon kaj polvoŝovelilon. Post malpli ol kvaronhoro, la tuta estraro de la urbo ekbalais la halon. Post kiam ili finis la purigadon de la halo, ili balais la aliajn ĉambrojn de la urbodomo, kaj poste ili eliris en la straton por balai antaŭ la pordo de la urbodomo. La civitanoj de la urbo rigardis siajn estrulojn kun miro kaj estimo. Iom post iom, ĉiuj doktoroj, profesoroj kaj akademianoj de la urbo eklernis la novan mirindan ekzotikan metodon de meditado, kiun ili nomis "balaantjoga". Poste, ankaŭ la koboldidoj lernis entuziasme tiun ĉi metodon de meditado; ili ekbalais siajn lernejojn kaj sporthalojn, poste ili eliris en la straton kaj balais antaŭ la pordoj de siaj lernejoj kaj sporthaloj. Eĉ la geemerituloj partoprenis en la nunaj grandaj kunvenoj de balaanta meditado.

La urbo estis savita de malpurigado, kaj ĝiaj civitanoj ege ĝuis la novan amuzaĵon. La svamio sur sia cigno forlasis la urbon senobserve dum unu nokto. La koboldoj danke rememorigas lin ĝis nun. Ekde tiu evento, ili nomiĝas "balaantkoboldoj" kaj ilia urbo nomiĝas "Balaanturbo". Se vi volas vojaĝi en belegan puregan urbon, vizitu Balaanturbon, kaj tranoktu en tendaro apud la lago. Vi certe revenos hejmen tre kontentaj pri tiu ĉi travivaĵo, kunportantaj etajn balailojn kiel memoraĵojn.



Rembrandt, Knabino kun balailo (1651)

*En karavelo esperantisma...*

*de EdNov*

## Revado

De antaŭ longe... longe...
mi plue revas tiun revon
de longe... longe...
jam ene de mi
nerimarkite disfrakasita!

Ĉu eblas revi
sen revo por revi?

## Kion mi volus iĝi

*Kiam mi estos granda*
*mi volus iĝi...*

Tiele fantaziis la infano,
kiu volus esti la neeblo!

Tamen la neeblo
eblas al neniu...

Infana fantazio estas senlima!
Kial ne voli iĝi nur simpla homo?



Picasso, Infano kun kolombo (1901)

En karavelo esperantisma...

# SARONIDO

de João José Santos

Sunbrilas Saronido en arĝenta bluo,
skuiĝas arbfolioj milde kaj murmure,
alroke ŝaŭmas ondoj blanke kaj susure,
l' animo kaj la sensoj spiras en la ĝuo.

Ombreloj rondaj buntas tra l' malvasta plaĝo,
sub kiuj homoj pigras, kaj grekoj kaj ksenoj,
infanoj ludas, ridas, en iroj kaj venoj,
virinoj sunbruniĝas, belaj kaj sen aĝo.

La suno al plonĝado refreŝiga tiras,
la ŝvito sur papero en gutetoj falas,
l' animo ĉion kaptas kaj tre plaĉe miras.

Sed kvankam la varmego la inspiron mokas,
ne lasas la skribilon, jam la buŝo salas,
meditas la poeto, kaj Atenon vokas.



**Ĉirkaŭ 44km sude de Ateno (Grekio), envoje al la mita Sunjo, troviĝas la simpatia urbeto Saronido.**
***Foto de J.J.Santos (aŭgusto 2007)***

En karavelo esperantisma...



# GARDU VIN

*(Cabo Frio, 31/12/2006)*

de Paulo Sergio Viana

Al vortoj rilatu amike.
Ilin elparolu delikate,
kiel ĝardenisto manipulas orkideojn.
Al vortoj ne plaĉas tro da soleno,
kiel al orkideoj ne plaĉas tro da akvo.
Necesas la ĝusta lumo, la ĝusta vento.
Gardu vin de mistrakto kontraŭ vortoj.
Ili eble ekkoleros,
kaj vi ne povas imagi,
kiel venĝemaj ili eble fariĝos.
Kiam vortoj koleras,
la tero tremas,
la suno eklipsiĝas
kaj tajdoj superverŝiĝas.
Al vortoj rilatu amike,
kaj la vivo al vi fluos
pli pace,
pli hele.



# Montopinto "Marins", en Brazilo

de Paulo Sérgio Viana, fotoj kaj tekstoj






Montopinto "Marins" estas parto de montaro "Mantiqueira", inter la ŝtatoj São Paulo kaj Minas Gerais (vidu mapon.)



Homoj amas grimpi la montaron ĝis la alto, chirkaŭ 2,400m super la marnivelo. Eblas atingi ghin sen uzado de ŝnuroj aŭ aliaj iloj, post 4-hora suprenirado.



*La pado similas longan, krutan, neregulan ŝtuparon. Necesas fortaj kruroj!*



Survoje oni ĝuas belajn montarpejzaĝojn.



Atinginte la supron, oni havas privilegian vidaĵon de la Paraiba Valo, kie situas Lorena, en la ŝtato São Paulo.



Eĉ inter ŝajne nudaj ŝtonoj aperas belaj montaraj floroj!



Milda nebulo karesas la montaron... kaj la vojirantojn.



Oni revenas ĉe la vesperiĝo, laca sed feliĉa. Bela luno salutas nin: revenu baldaŭ!...